


Año IV (N.º 47)

Núm. 11

NOVIEMBRE 1952

RUZAFA, 7 VALENCIA (ESPAÑA)

# BOLETIN

## DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

# SOMOS UNA MAGNIFICA REALIDAD

«¡Pienso, luego existo!» dijo el filósofo. Y con ese aforismo expresó la idea de que el acto justifica al actor. Remedándole, podemos decir nosotros, los esperantistas: «¡Actuamos, luego progresamos!» Y, efectivamente, si no nos apartamos de los aforismos, y nos aplicamos aquel de: «Lo que no progresa muere», no podemos menos que estar satisfechos de nuestra capacidad de resistencia, consecuencia de una sana vitalidad, que hace posibles nuestros modestos pero efectivos triunfos. Victorias, y no pequeñas, son las que continua y progresivamente logra nuestra buena intención de que el idioma auxiliar sea aceptado por todos, como lógico y cumplido remedio al ya anacrónico caos lingüístico imperante en el mundo.

Si el esperantismo existe, después de sesenta y cinco años de vida y azares, es porque tiene sobrada razón de ser; y, como todos los movimientos humanitarios destinados al triunfo, nada pueden contra él los infortunados competidores, los pobres alegatos de los indocumentados y las burdas ironías de los cretinos.

Entre todos los argumentos favorables al Esperanto, el más convincente es el hecho escueto y simple de su efectiva realidad como lengua viva. He aquí, pues, el verdadero motivo de su éxito. El idioma creado por Zamenhof recibió de su genial creador el soplo anímico que lo lanzó al mundo, no como una concepción más o menos ingeniosa para servir de clave o báculo internacional, sino como un acervo espiritual perfecto, en lo que puede ser perfecta una creación del hombre, y apto para expresar todo lo bueno que pueda caber en el corazón humano. Con el Esperanto han comenzado los primeros balbuceos de muchos niños. Por medio de él han sido posibles amistosas conversaciones entre gentes sencillas de muy diversas nacionalidades. Gracias a él han viajado, con una preciosa guía de comprensión, miles y miles de personas que sin él se hubiesen sentido extraños en países extranjeros. Y lo que es más convincente: por medio de este maravilloso lenguaje auxiliar, las gentes más heterogéneas, no sólo se han entendido, sino que se han estimado como si no hubiesen distancias entre sus hogares ni diferencias entre sus apreciaciones y preferencias o gustos personales.

Ese es el verdadero complemento del Esperanto; ese es el trofeo que nadie le podrá arrebatar, pues esas características tan señeras y tan sobresalientes son las que nunca pudo tener ninguno de los proyectos, anteriores o posteriores al Esperanto, y que nunca dejaron de ser proyectos... Si el nuestro es ya un idioma vivo, con su literatura, su historia y su pueblo jovial y animoso, todos los otros sistemas no han sido más que elucubraciones más o menos habilidosas, pero con todos los caracteres de un producto manufacturado en un laboratorio.

Sí, como se dice, somos pocos los que hablamos el Esperanto y pensamos como esperantistas, eso no significa que seamos despreciables. ¡Cuántas pequeñas nacionalidades existen en el mundo que tienen, a pesar de la escasez de sus componentes, un valor espiritual inestimable! Por ello, los esperantistas debemos estar orgullosos de nuestra ejecutoria, satisfechos de nuestra larga historia y confiados en el porvenir. Mientras los escépticos nos critiquen, nosotros debemos aprender y practicar; mientras los necios se burlan, nosotros debemos probar con hechos la verdad de nuestras afirmaciones. Así, mientras los «magister» discuten, si rabió o no rabió, demos nosotros con nuestros múltiples congresos anuales, la respuesta más adecuada y contundente a sus estratoesféricas impugnaciones.

Y la paradoja es evidente. Nosotros, los idealistas, los utópicos y los románticos, desmentimos, con realizaciones prácticas y tangibles, a los llamados hombres prácticos y realistas, que siguen debatiéndose en el caos de la confusión y el balbuceo. Tan patente es la paradoja, que el gran público, esa enorme mayoría que siempre espera recibir las soluciones completamente resueltas, no podrá menos que ver y comprender la realidad de los hechos. Y cuando eso llegue, habrán de maravillarse todos de que haya durado tanto la sordera colectiva.

**Per Esperanto, la varia spektaklo de la mondo estas pli interesa!**

## ĈIUSEMAJNA ESPERANTO - ELSENDO EN VALENCIA RADIOSTACIO

Danke al efikaj demarŝoj de nia amiko M. Vidal; la Valencia radiostacio «Radio Alerta» disponigas ĉiusemajne 20 minutojn por Esperanto-elsendo sub ĝenerala titolo: ESPERANTISTA MIKROFONO. La programo estis inaŭgurata la 17an de Oktobro, kaj de tiam oni regule dissendas ĝin ĉiumerkrede je la 23'30 hispana horo. (22'30 Greenwich).

La enhavo de tiuj elsendoj estas redaktata de s-anoj M. Vidal, A. Collado kaj J. Juan Forné, kiuj petas la kunlaboron de ĉiuj esperantistoj. Ĉiujn informojn, raportojn aŭ kontribuaĵojn por la programo, oni devas sendi al jena adreso:

Sr. Jefe de Programación
**RADIO ALERTA - Colón, 11 - VALENCIA**

Ankaŭ estus danke akceptataj esperantaj diskoj, broŝuroj, prospektoj, gazetoj, k. t. p., kiuj multe helpus la laboron de la redaktoroj. Ni ankoraŭ ne sciigas nun la legantojn pri la ondoj kaj metroj de la radiostacio, ĉar baldaŭ oni ŝanĝos la nunajn, pro enkonduko de kelkaj teknikaj plibonigoj; sed en la venonta numero, ni donos pli precizajn informojn. Dume, ĉiuj esperantistoj amase bonvolu skribi leteron aŭ poŝtkarton (hispanoj faru tion hispanlingve!) gratulante aŭ raportante pri aŭdebleco al la direktoro de tiu radiostacio, laŭ jena adreso:

**RADIO ALERTA - Colón, 11 - VALENCIA**

La fakto, ke tiu radiostacio estas ŝtata organizaĵo multe kontribuos al la daŭra plifirmigo de nia movado en Hispanio.

**RADIO S. E. U. DE MADRIDO** daŭre elsendas, kun kreskanta sukceso, sian interesan programon ANTENO ESPERANTISTA ĉiumerkrede je la 20'30 hispana horo (19'30 en Greenwich). La programo, kiel kutime, konsistas el raportoj, informoj kaj diversaj elektitaj pecoj el folkloro en Esperanto, kun hispanlingvaj klarigoj.

## ◆ ALIAJ ESPERANTO - ELSENDOJ ◆

Radio Tarragona: la ĵaŭdojn je la 20 dum proksimuma daŭro de 15 minutoj.

Radio Manresa: la ĵaŭdojn je la 20'15 kun tre interesa kaj varia programo.

La turismaj oficejoj el kiu ajn lando, kaj la aŭskultantoj de Radio Roma, estas afable petataj havigi laŭ sia ebleco, al ni, donace, ĉiaspecajn turismaĵojn presitajn en Esperanto; nome: gvidiloj, faldfolioj, prospektoj, afiŝoj, ilustritaj poŝtkartoj, kaj eĉ planoj; geografiaj kartoj, fotoj, k. t. p.

Per la ricevota materialo la Itala Turisma Oficejo ENIT aranĝos daŭran ekspozicion en la salonego vizitata de tutmondaj turistoj. Tial, tiu materialo ne povos esti resendata. Ni kvitancos la ricevon per bele ilustrita poŝtkarto kaj, laŭ disponebleco, per interesa analoga materialo pri nia lando. Antaŭdankojn!

**RADIO ROMA - Via V. Veneto, 56 - ROMA (Italio)**

## ESPERANTISTA VIVO

### GEEDZIĜOJ

*Nia kara samideano Marco Aurelio Perles Sifre, instruisto en Miraflor (Alicante) edziĝis kun la simpatia fraŭlino Pepita Moncho.*

*Ankaŭ du estimataj geamikoj, Francisco Rodrigo Ferrando kaj Mercedes Tomás, el Valencio, ligis sin per la geedzaj ligiloj.*

*Al la du feliĉaj paroj, niajn gratulojn!*

### NEKROLOGO

*Kun bedaŭro, ni sciigas la forpason de jenaj gesamideanoj:*

*José Efrén Pedraz Palacio, malnova esperantisto, protektanta membro.*

*José Sempere, modesta membro sed tre sindonema amiko de Esperanto en la Valencia rondo.*

*Leonor Fernández Elizalde, edzino de nia fervora kunbatalanto en Santander, Urbano Gómez Collado.*

*Al la gefamilianoj ni esprimas nian plej sinceran kondolencon.*

**EN VISPERAS DE AÑO NUEVO** hay que prepararse a cumplir con los deberes federativos y pagar la cuota correspondiente a 1953. Tenemos la satisfacción de anunciar que las tarifas para el año entrante *no sufren ningún aumento,* siguiendo las mismas, a saber:

**Socio de número: 15 pt.as — Socio abonado: 40 ptas. — Socio protector 75 ptas.**

Pero para todos aquellos que quieran mostrar su aprobación a nuestro trabajo, están abiertas las listas de donativos. Téngase en cuenta que por mucho pan nunca es mal año...

# LITERATURO

## LA FRENEZULO

Fragmento el la originala novelo de Adolfo Augusto Nunes (Lisbono) gajninta la unuan premion por prozaj verkoj en la Literatura Konkurso.

Kompatinda numero 76a! Lia romaneto estas tutsimpla intrigo, same kiel simpla estis, ekde lia infana aĝo, lia tre mizera vivo.

Manuelo (antaŭe li havis nomon, poste li havis numeron) estis ankoraŭ bubo, kiam lia patro mortis. Tial, la paĉjon li ne konis. Li estis ministo. Iam okazis subita diskrevo en ŝtonejo. Terura akcidento! Trafis lin la ŝtonpluvo, kiu forte flugis tra la aero. Oni portis lin hejmen kun la vizaĝo transformita, kun la ventro traborita de larĝa timegiga vundo. La akraj ŝtonpecoj morttranĉis la malfeliĉulon.

La orfo fariĝis plenkreskulo. Penige li prilaboris sian panon kaj la vivrimedojn por sia patrino, turmentplena virineto, kiun li tutkore amis. Li estis terkulturisto. Tage-nokte, per la ŝpato aŭ per la plugilo, li fosis kaj fendis por semado la grundon kupro-koloran de sia naskiĝlando. Ekster lia materia vivo, la panjo kaj la elektitino de lia koro estis lia sola mondo. La amatino aspektis kiel belstatura knabino; li tre estimis ŝin pro ŝia honesteco kaj boneco. Jam de longe li amis ŝin, kun natura inklino, kun ĉasta kaj serena amo. Iutage, la kazerno englutis lin. La stangstatura kamparano fariĝis disciplinita maŝino. Kelkajn monatojn poste, la milito forpelis la vilaĝanon en fremdan landon. Li batalis kuraĝe antaŭ la malamika fronto. Li partoprenis en dekojn da plej sangaj kolizioj. Antaŭe, li semis tritikon el kies grajnoj oni faras la panon, kiu donas vivon. Poste --ho kruela ironio!-- li vivis dissemante la morton. Kaŭzon li ne serĉis de tiaj eternaj kaj neutilaj luktoj.

Iam, mallonga letero sciigis lin, ke lia patrino ĉesis vivi. Tiu panjo, kiu amis lin varmege, ne transvivis la longan foreston de sia filo tre amata. Tiu aflikto kaj la manko de ĉio necesa mortigis ŝin... Korprema doloro preskaŭ frenezigis lin. Pasis tagoj. Alia korprema sciigo alvenis. Lia amatino kondutis tre mallojale. La perfidulino --oni tion asertis-- foriris al Porto kun maljuna voluptema riĉulo. Legante la novaĵon, sufoka angoro paralizis lian koron. La malvirto kaj la perfido de la pekulino tiel afliktis lin, ke lia koro preskaŭ krevis. La altstatura, muskolforta kamparano fariĝis, iom post iom, malkuraĝa

## ♦♦ LA GRANDA SURPRIZO DE S-RO GUSTAV ERIKSEN ♦♦

*Ĉiuj personoj kaj faktoj en ĉi tiu historieto estas absolute imagaj. Iu ajn simileco al realaj personoj aŭ faktoj estas nura hazardo.*

*Jes; li estas tre fervora esperantisto. Pri ĉi tio ne povas esti dubo ĉe ies kapo. Li estas vere entuziasma, agema, diligenta samideano, ĉiurilate. Li apartenas al tiu speco de homoj, kiuj silente, konstante kaj obstine batalas ĉiel kaj ĉie por ideo, kiu estas al ili eĉ pli kara ol la propra vivo. Pro sia sufiĉe longa laboro, li jam estas «provita», «hardita», laŭ la profeta esprimo de «La Vojo». Post longa penado, li povis fondi Esperanto-Grupon en sia urbeto, kie nia afero estis tute nekonata, antaŭ ol li komencis propagandi ĝin. Dank' al sia obstina kaj trafa agado, dum du aŭ tri kursoj, li sukcesis arigi dekduon da novbakitajn samideanojn, ankoraŭ kelkfoje iom heziteme parolantaj --kelkfoje nur, ne malicul-- kiuj bone helpas lin en lia laboro, donante al li samtempe la certecon, ke li ne estas tute izolita, kaj ke liaj klopodoj ne estis senfruktaj. Rafael Pérez estas lia nomo. Jes, certe vi ĉiuj lin konas. Li estas honesta, laborema viro. Honesta, jes, kvankam... li foje trompis krude alian samideanon. Verdire, mi ne scias, ĉu mi rajtas rakonti al vi la aferon, ĉar li ĝin diris al mi amike-sekrete. Sed, tial ke li estas, kiel supre dirite, nur imaga homo, mi ne timas, ke li kverelos pro mia perfido.*

*Do, mi rakontos al vi la okazintaĵon.*

*Hem!... Hem!... Nu, jen ĉio: Rafael Pérez legis foje en esperanta gazeto anonceton de iu Gustav Eriksen, el Kopenhago, petanta korespondantojn. «Mi nepre respondos!», oni povis legi en la teksto de tiu anonceto. Rafael, nia amiko, tuj skribis al la koncerna adreso dirante, ke li deziras korespondi kun la anoncinto, ĉar tiu norda lando multe allogas*

kaj cerbomalsana. Daŭre li restis silentema kaj enpensa. Liaj helaj okuloj de montarano iĝis glaciaj kun senesprima kvieteco. Li ŝajnis vivi en la regno de nehoma muteco.

Iun vesperon ektondris la kanonoj. Surdiga bombardado aŭdiĝis kun sama bruego sur la tero, kiel dum terura tertremo. Li postenis ĉe la unuaj vicoj. Amasiĝis kadavroj ĉirkaŭ li, kun plumbkoloraj vangoj kaj profundaj vundoj. Varma sango fluis fumiĝante. La vunditoj luktis diable, elmontrante siajn difektitajn junajn korpojn. La kampo kovrita de kadavroj estis saturita de haladzo, ŝvito, sango, polvo kaj putraĵoj.

La nokto envolvis la teron per sia stelplena nigra vualo. Tie kaj ĉi tie, la kugloj siblis, la pafado krakegis, nur interrompita de timegigaj intervaloj. Dum la tuta nokto, la batalo daŭris. Kun besta obstino, eĉ pli krude kaj sovaĝe ol ĝis nun, aŭtomate li pafadis, ĝis fine li falis vizaĝen sur la koton. Matene, ĉe la krepusko, oni vidis lin surventre, kun la longa korpo en rigida senmoveco, kvankam ankoraŭ la kuntiritaj manoj premtenis forte la pafilon. Oni levis de la tero la soldaton. Li ne estis vundita, sed liaj membroj restis senmovaj, lia vizaĝo kun kadavra paleco, liaj okuloj kun eksterordinara nesanĝemo.

Oni alparolis lin. Sed li nur ekridetis senkonscie, eligante obtuzajn sonojn kaj tute nekompreneblajn murmurojn... La doloro idiotigis la kompatindulon.

Tiel li restis longtempe: en la korpo, preskaŭ kompleta senmoveco; en la spirito, plej profunda atonio. Iom post iom, li reakiris la fizikajn fortojn; sed la mensaj kaj moralaj kapabloj apenaŭ duone rekonsciiĝis. Li revenis en la patrujon, kaj la kompatindulo vivaĉas nun en la ĉefurbo. Li estas vendisto de maldecaj literaturaĵoj kaj de logaj flugfolioj, kiuj anoncas kaj reklamas divenistojn de bonŝanco. Kutime li vagadas de drinkejo al drinkejo. Ofte li ebriiĝas. Tiuokaze, li ruliĝas teren en konvulsiaj spasmoj de momenta furiozeco.

◆ ◆ ◆

La procesio ade pasis. Oni aŭdis la hufbatojn de l'ĉevaloj. Rebrilis en la aero la bajonetoj de l'soldatoj. Estis glora apoteozo al la mortintaj nekonataj soldatoj...

---

En la aero ŝvebas vibrado de freneza entuziasmo. Ankoraŭ interpuŝiĝante, la popolo svarmas sur la stratoj. Kaj tumulte kaj dense pleniĝas la larĝaj trotuaroj.

---

*lin, kaj li multe ŝatas koni ĝisfunde ĉiajn aferojn rilatajn al Danlando. Post kelkaj ne multaj tagoj, li ricevis ĝojigan respondon: Jes, tre volonte mi korespondos kun vi. Demandu al mi, kion vi volos. Mi parolos al vi pri mia lando, longe kaj detale, respondante viajn demandojn... ktp. ktp.» Rafael sendis tuj novan leteron, gajan leteron, riĉan je demandoj. Pasis tri monatoj, kvar monatoj, kvin monatoj... Ho, ve, li ne ricevis respondon; koverto kun la deziregata respondo ne venis.*

*Tamen, parenteze parolante, Rafael estas bonŝanculo; li povis partopreni en la Universala Kongreso, okazinta en Oslo. Reveninte de tie, Rafael restis en Kopenhago tutan tagon. Subite, li memoris pri sia nekonata korespondanto; kaj sep minutojn poste, li frapis aroge ĉe la pordo de iu kopenhaga domo:*

*—Ĉu Gustav Eriksen? Jes, sinjoro, eniruj*

*—Mi estas Rafael Pérez, el Hispanio. Eble, vi memoros, ke iam mi skribis al vi respondante al via anonceto. Vi akceptis min kiel korespondanton, Mi ree skribis al vi kaj...*

*—Ho. ĉu vere? Kial vi troviĝas nun ĉi tie?*

*—Tre facile. Jam de longe mi atendas vian respondon tie, en mia hispana anguleto. Sed mia pacienco elĉerpiĝis, ĉu vi komprenas?—daŭrigis Rafael per voĉo pli kaj pli laŭta— kaj mi venis el mia lando* NUR *por diri al vi jenon: Kial —kaj en tiu momento, preninte sinjoron Gustav Eriksen per ambaŭ manoj, ĉe la ŝultroj, Rafael forte skuis lin— kial vi ne respondis al mi? Kial do? Stultulo!!*

*Kaj, tuj post tio, Rafael rapide foriris, dum Gustav Eriksen, mirigita, falis sur sian komfortan seĝon, kie li restis dum kvar aŭ kvin horoj ne sciante, ĉu li sonĝis aŭ ĉu la demono, kun verda steleto, volis primoki lin...*

*Kaj nun, kara leganto, bonvolu pardoni se la fortikaj manoj de Rafael Pérez ankaŭ skuis vin, pro simila kaŭzo. Tiuokaze, neniel mi estas kulpa.*

**ALCIBIADES GONZÁLEZ MEANA**
Ciaño - Santa Ana (Asturio)

## Saluto al la XIII^a Hispana Kongreso de Esperanto en Valencio

Mi ne trovas ŝancon. Zorgoj ne favoras
iri al Valencio kun flam' kaj pasi'.
La mastrino lerta estas en malsano;
kaj, sen ŝia brako, kion tornus mi?
Tamen, oni en domo de Tarraso kruta,
kune kun hejmanoj, diras, man' sur kor',
ke ni rememoros tagojn de feliĉo;
tagojn de fidelo; tagojn en honor'
inter kamaradoj de diversaj urboj,
de diversaj landoj, en fratiĝa varm',
murmurante lingvon de veluraj frazoj,
lingvon de heredo de plej granda ĉarm'.
Floras la Kongreso de dektria sorĉo;
kaj ni, pacamantoj, sin oferas nun
al la bela urbo de l'oranĝoj freŝaj,
de pentraĵoj fortaj, kaj de hela sun'.
Estas ĝi la nesto de Federacio,
kiu ja nin protektas en persista vol'.
La Bulteno kara, eta kaj profunda,
dank' al la koboldoj, ŝirmas en konsol'
de pedantaj mokoj de teruraj viroj,
kiuj sin perfortas ĉe komercinfer',
dum ekzistas ilo de facila kredo
inter homoj noblaj de malgaja Ter'.
Ni, de nia domo kun modesta sojlo,
sentas nostalgion de la babilad'
en muzikaj pecoj, tra la stratoj plenaj
de la riĉa urbo de moŝt' Ausias March.*
Por esprimi dankon, kaj esprimi ĝojon,
falas sur la paĝon perlo de l'edzin.
Filoj kun respekto tuŝas la paperon,
kaj la vortoj kreskas kaj tremigas min.
Nun, tra la fenestro de karcera hejmo,
glatas ia formo de la gard-anĝel'
kun rubando verda kaj lumiga stelo,
kaj ni reve-reve glugas al la cel'.

**VALENTIN ALAVEDRA** (Tarrasa)
Prezidinto de la pasintjara XII^a Hispana Kongreso de Esperanto

*(elp. Mark) famiĝinta nomo de klasika plej elstara poeto de la valencia (kataluna) lingvo, en la mezepoko.

## BELARTA KONKURSO DE U. E. A. 1953

◆ *La Literatura Sekcio de U. E. A. aranĝas por venontjara somero, dum la 38^a Universala Kongreso, Belartan Konkurson, kies branĉoj estos:*

*a) Originala poezio; b) Tradukita poezio;*
*c) Originala prozo; ĉ) Originala drameto.*

*Legu detalajn klarigojn en novembra numero de «Esperanto» aŭ petu aliajn pli konkretajn sciigojn (sendante respondkuponon) al la Sekretario:*

**RETO ROSSETTI**
39, Willows Crescent - BIRMINGHAM 12 (Anglio)

# INTER LA PROZO

Al ĉiuj bonaj geamikoj, kiuj kutime legas miajn kroniketojn, certe ŝokis la abrupta fino en la revuado de la pasinta numero. Jes, pro manko de spaco, por antaŭen daŭri sur la paĝoj de nia Bulteno, mi devis atendi en aero, pendante de nevidebla paraŝuto, super Aŭstralio, la vastega insulo-kontinento, kiu, pro sin geografio, fakte estas aparta mondo en nia mondo.

Komprenu, do, ke urĝas ligi la fadenojn por sekvi la rakonton, neniel perdante tempon en vanaj akcesoraj akrobataĵoj:

LA RONDO, ĉiam en stato de sana optimismo, deĵoras sen emo al laciĝo, kiel oficiala organo de la aŭstralia asocio, kiu en ĵus sendita depeŝo anoncas la viziton al nia lando de tiea samideano. La hispanaj grupoj multe ĝojos, aŭdante lin persone; pri tio ne ekzistas dubo. Intertempe, speciala plezuro estas la legado de tiu malproksima gazeto, kiu aspektas kiel bela albumo pro la varia kaj ege interesa materialo, tra dense provizitaj paĝoj. Post la transoceana *ekskurso*, jen denove min envolvas tre karaj kolegoj, kiuj per konataj nomoj atestas pri la forto de Esperanto tra la politika mozaiko de Eŭropo, centro ankoraŭ de klasikismo ESPERANTO, la serioza organo de U. E. A. ĉiam akurate aperinta, estas kompilo de plej interesaj aktualaĵoj kun taŭgaj informoj kaj distra materialo. Tre agrabla estas la raporto pri nia pasinta kongreso, lerte verkita de svisa amiko, S-ro R. Zollinger. Alia artikolo, «Reformado de la japana skribsistemo» estas instrua kaj vere leginda. Bele enkadrigita, aperas la traduko de paroladeto kun S-ro Trygve Lie, kiu, demandite pri la utilo de Esperanto, respondis: «Ke li persone favoras ĝin, ne nur kiel Ĝenerala Sekretario de la Unuigitaj Nacioj, sed ankaŭ kiel norvego». Estas interese noti, ke D-ro Breth, aŭtoro de la intervjuo, jam antaŭ ĝia publikigo, submetis ĝin al S-ro Trygve Lie, kiu aprobis ĝin kaj permesis ĝian publikigon. THE BRITISH ESPERANTIST, la respektinda kolego, ankaŭ estas fidinda mentoro pri korekta kaj ĝusta apliko de la lingvo, inter lerta distribuo de la tekstoj, ĉar najbare de sprita verseto de R. Rossetti troviĝas la bonega artikolo: «Esperanto kiel hejm-

lingvo» tiel klare kaj detale verkita, ke mi influos por represo, ĉar esperantistaj gepatroj tiros el ĝi multan profiton. ESPERANTO EN SKOTLANDO estas io pli ol simpla bulteno, ĉiu numero estas valora kajero pri literaturo, laŭ plej subtilaj nuancoj de la skota skolo, Ĉiu amiko de la esperanta beletro nepre devas rilati kun ĉi tiu simpatia gazeto, en kiu eĉ la recenzoj estas perloj tre puraj. En la ekzemplero, kiun nun mi legas, estas frontpaĝa artikolo de la konata stilisto W. Auld pri la skota lingvo. THE WORKER ESPERANTIST estas modelo de serioza enhavo kun agrabla aranĝo; tre objektive estas pridiskutataj tiklaj aktualaĵoj; kaj ankaŭ tre skrupule oni recenzas la novajn librojn, laŭ la morala aŭtoritato de vasta kompetenteco kaj honestaj mondkonceptoj. SKOLTA MONDO, ĉiam vigla, ĉiam preta kaj freŝa gazeto, reprezentas en nia movado la noblajn aspirojn vivi en pli intimaj rilatoj kun la naturo, akorde kun la altaj celoj de la skoltismo. Kvankam faka informilo, ĝi estas blovo de pura aero, kiu gaje ventolas la paĝojn kaj foliojn de nia tuta gazetaro. UNIVERSAL LEAGUE, kiel filio de Universala Ligo en la brita teritorio, estas kuraĝa folio por defendi, preskaŭ nur en angla lingvo, la principojn por federacia mondregado. Najbare al tiu temo oportune situas SVISA ESPERO; impona kaj belega bildo de Berno, la svisa ĉefurbo, laŭte proklamas kiel logaj punktoj troviĝas en la mondo. Kaj pri tio, la svisa lando estas unuaranga muzeo; en sia plaĉe eldonita gazeto, la tieaj amikoj zorgas pri plej diversaj aspektoj de nia movado. Ampleksa spaco estas por la utila rubriko «Lingvaj Problemoj» kun detalaj klarigoj pri la fonetiko. Ankaŭ en ĉi tiu numero S-ro Zollinger rakontas pri nia Kongreso. NEDERLANDA ESPERANTISTO informas pri nova redaktoreco, sub la zorgo de D-ro F. Roose, kiun mi salutas plej bondezire. Pri la rezigno de S-ro Kalma, dankinda eksredaktoro, oni diras jenajn sukoplenajn vortojn: «La plimulto de nia legantaro tute ne pripensas kiom da peno donas la redakcia tasko: verki artikolojn, korekti aŭ reverki la kontribuaĵojn de aliaj, kalkuli kiom da linioj povas kaj devas ankoraŭ enhavi la numero, amputacii artikolojn por ke ili donu la ĝustan mezuron, respondi leterojn —kelkfoje kolerajn— pri la enhavo de iuj artikoloj, aŭ plendojn pri *kripligo* de originala teksto aŭ pri la neakcepto de iu *valora* kontribuaĵo, korektado de la kompostaĵo, ŝvitado, telefonado kaj telegrafado se iu regula (?) kunlaboranto ne sendas ĝustatempe; kaj... eĉ de tempo al tempo la legado de leteroj de legantoj, kiuj esprimas kontentecon». Eĉ en la malproksimo de mia izolejo, mi scias ja pri la plena vero de tiaj asertoj. Tamen, en ĉiu ofero ne ĉio estas sufero... LA JUNA VIVO, kvazaŭ infano kun novaj ŝuoj, aperas gajmiene kiel organo de la nova junular-organizo, kio rezultis el la reorganizado kaj nomŝanĝiĝo de la antaŭa, al kiu mankis la vorto Esperanto. La nova estraro, konsistanta nur el aŭtentikaj gejunuloj, intencas iniciati vastan kampanjon inter la vicoj de la junularo; tial, la gazeto «nepre devas esti redaktata de junaj personoj, kiuj staras en la vivo kaj kiuj precize scias, kiel la hodiaŭa junularo pensas, agas kaj reagas». Kompreneble, en mia nejuna brusto flamas deziroj pri plena sukceso al la vigla heroldo de la juna generacio esperantista, en ĝia nova etapo. LA PROGRESANTO posedas la arton simpligi la malsimplajn problemojn, kiuj ĝenas ne jam la lernantojn, sed ankaŭ la progresantojn. Plej mirinde, la redaktoroj, kvazaŭ divenante la pensojn, solvas multajn demandojn eĉ antaŭ ol ili konkretiĝas. Plaĉa kaj instrua estas la klarigado de esprimoj, el la grekaj mitologio kaj literaturo, por la okazo de ekzemploj kaj aludoj en verkoj. Estus bone, ke simila folio aperus en aliaj landoj. Bedaŭrinde, la emo ellerni, kiam oni lernis... aŭ nur oni eklernis, ne tre multe abundas; kvankam la plezuro poluri la akiritan scion logas la elektitojn per pli kaj pli da subtilaj ĉarmaĵoj, dum daŭro de la tuta homa vivo, eĉ konsciante, ke neniam oni sufiĉe lernos...

Tamen, sufiĉe jam se oni lernas, ke ĉio taŭgas por lerni; laŭ tio, la vasta scenejo de la mondo fariĝos lernejo, kie la eternaj strebantoj ĉiam estos aŭtoroj de paĝoj plej decidaj en la historio. Jen ja la opinio de

Vera modernismo estas liberigi la spiriton kaj ne sklavigi la guston
◆ ◆ ◆ RABINDRANATH TAGORE.

## FRENEZIGA RAKONTO

Foje, viro estis kondukata antaŭ juĝisto laŭ plendo de sinjorino, ke li vangofrapis ŝin. La juĝisto demandis, por klarigi la aferon, ke li diru la kaŭzon de sia ago. Kaj la viro tute trankvile tiel parolis:

—Ni ambaŭ veturis en duetaĝa aŭtobuso. La sinjorino ŝidis apud mi. Vidinte, ke la enspezisto alproksimiĝas, ŝi malfermis sian sakon, tiris el ĝi monujon, fermis la sakon, malfermis la monujon, prenis monerojn, fermis la monujon, malfermis la sakon, metis la monujon kaj fermis la sakon.

Sed, tial ke la enspezisto preterpasis al la supra etaĝo, la sinjorino malfermis la sakon, tiris el ĝi monujon, fermis la sakon, malfermis la monujon, enŝovis la monerojn, fermis la monujon, malfermis la sakon, metis la monujon kaj fermis la sakon.

Tamen, la enspezisto jam revenis malsupren, kaj tiam la sinjorino malfermis la sakon, tiris el ĝi monujon, fermis la sakon, malfermis...

—Ho, sufiĉe! Vi frenezigas min! --tiam kriis kolere la juĝisto.

—Tio same ĝuste okazis al mi kun la sinjorino! --respondis la akuzito.

VILHELMINA BOSCH.

## MALBONSORTA EDZO

Sinjoro Klem babilas kun amikoj:

—Jes, vere mi estas tre malbonsorta kompare kun mia edzino. Antaŭ unu semajno, ŝi trovis dum mia foresto altvaloran braceleton, kiu vere mirinde kaj tute hazarde adaptiĝas al ŝia mezuro.

Pasintan semajnon, ŝi gajnis en loterio belegan pelton, ankaŭ plene laŭmezure. Tamen, reveninte de mia vojaĝo, mi trovis sub la lito pantoflojn, kiuj estis tro grandaj!

EMILIO PRADES.

## KONCIZECO

—Paĉjo, mi deziras amuziĝi hodiaŭ vespere kaj trinki glason da biero.

—Faru, kion vi ne povas lasi!

—Jes, paĉjo, sed mi ne havas monon.

—Lasu, kion vi ne povas fari!

D-ro A. H. (Aŭstrio)

## SFINKSA ANGULETO

### MATEMATIKA EKZERCO

**Ekzistas kvanto kun tri ciferoj, kiu prezentas tri jenajn kuriozajn kombinojn:**

**La sumo de la du unuaj ciferoj egalas la trian. La sumo de la unua kaj la tria estas duoblo de la dua. La numero de la du unuaj estas kvaroblo de la tria.**

KIA, DO, ESTAS LA KVANTO?

**Oni akceptos solvojn, por la premio, ĝis 20. Decembro**

SOLVO DE LA **MISTERAJ KARTETOJ** EN LA PASINTA NUMERO

TRI - BU - NO TRI - BU - TO

*Disĉiplo demandis al Sokrato, kio estas pli konvene: edziĝi aŭ resti fraŭlo.*

*La respondo estis jena:*

Ambaŭ situacioj ĝenas!

## UNU BILIONO

Ĝi estas kvanto, kiun facile oni prononcas, sed kiun treege malfacile oni povas prezenti en la imago. Atentu, do:

Supozante, ke, ekde la komenco de la kristana erao, estas jam pasintaj dumil jaroj, ĉu tio signifas, ke de tiam ĝis nun pasis jam unu biliono da sekundoj? Ne, tute ne! Jen la pruvo ĉi-sube:

En unu horo estas 3.600 sekundoj, en unu tago 86.400 kaj en unu jaro 31.536.000 Tio estas ja multe; sed se oni multobligas ĉi tiun lastan kvanton per 2000, rezultas sumo de 62.072 milionoj da sekundoj. Malgraŭ la impona aspekto de tia kvanto, mankas ankoraŭ, por atingi la bilionon, 937.928 milionoj da sekundoj, kio egalvaloras proksimume al 31.709 jaroj.

Kaj vere tio estas atentinda daŭro de tempo, kiu plene devas pasi por kovri la enhavon de simpla biliono da sekundoj.

---

La Eiffel-turo, pro dilatiĝo okaze de varmo, estas dek-kvin centimetrojn pli alta dum la somero ol dum la vintro.

*Viro, kiu cedas agnoskante siajn erarojn, estas filozofo.*

*Viro, kiu cedas konvinkite de sia pravo, estas edzo.*

**Por la homo ekzistas tri diversaj edukoj: Tiu, kiun oni ricevas de siaj gepatroj; tiu, kiun trudas la cirkonstancoj kaj, fine, tiu, kiun oni mem al si faras.** SCHAFIF.

# FACETAS DEL MOVIMIENTO ESPERANTISTA

● FRANCIA.—El Alcalde de Lourdes ha dirigido a todas las alcaldías francesas una carta, acompañando un cuestionario sobre las estimaciones del Esperanto como idioma auxiliar internacional. La Madre María Natalia, del Convento de la Asunción, en Lourdes, pronunció una conferencia sobre «Le problème d'une langue internationale et l'Esperanto», de la que se ha hecho edición. La señora Le Bondidier, conservadora del «Museo de los Pirineos», es también una eminente y entusiasta esperantista en Lourdes.

Del 12 al 16 de Agosto de 1953, se celebrará la «Peregrinación Internacional de Esperantistas Católicos» a Lourdes, en ocasión de los cincuenta años de la publicación del periódico «Espero Katolika», fundado por el Padre Emilio Peltier, cuya tumba yace en dicha población pirenaica. Se espera con tal motivo una nutrida concurrencia.

«Coq Tricolore», revista mensual de la juventud, inserta en todos sus números una amena crónica esperantista. (9, Rue des Pleins-Champs, ROUEN, Seine inferieur).

● ITALIA.—En Sassari, capital de la isla de Cerdeña, la Universidad ha autorizado un curso de Esperanto para estudiantes que funciona ya en una de sus aulas.

● SUIZA.—En el Sanatorio del Doctor Vauthier, para profesores y estudiantes universitarios, que funciona en Leysin con pacientes de distintos países, se ha decidido la enseñanza del Esperanto como medio de común comprensión, complementada la medida con una oficina de traducción de artículos al idioma auxiliar, para uso de los pacientes.

● ALEMANIA.—«Esperanto-Kurier» de julio-agosto publica un artículo de Rüdiger Sachs, ilustrado con fotografías de bellos paisajes, con motivo de su viaje por España.

En «Esperanto-Post» de los meses septiembre-octubre, se ha publicado un artículo del señor Edward Ernst Yelland sobre sus impresiones del viaje por España, para asistir al XIII Congreso Español de Esperanto celebrado recientemente en Valencia.

En Glinde-Hamburg, ha sido rotulada, con el nombre de «Esperanto-Weg», una calle de la población. Subvencionado por el Ministerio de Educación de la Baja Sajonia, se desarrolla en la Escuela Superior de Hustedt (Celle) un curso de Esperanto para maestros y jefes de organizaciones juveniles que asisten con toda puntualidad.

● DINAMARCA.—En Lindknud, y con aprobación del Consejo Municipal de Enseñanza, se ha iniciado la enseñanza del Esperanto a los escolares del último grado. En Odense, en el Colegio Superior «Husmandskolen», la mitad de las alumnas han escogido el Esperanto como el idioma de estudio. Esta prueba se sigue con gran interés.

● NORUEGA.—Durante el Congreso Universal de Oslo, se constituyó «Europa Turismo», asociación esperantista que tiene como finalidad la organización de caravanas y viajes turísticos por Europa, mediante la ayuda que presta el Esperanto como organización. Informes: señor Pierre Petit - 26, Rue Rochebrune-ROSNY - sous - Bois (Seine) - Francia.

● URUGUAY. — El Gobierno y Organismos culturales de este país sudamericano favorecen la difusión del Esperanto como idioma internacional. Al Congreso Universal de Oslo aportó representación oficial, ostentada por el Cónsul general don Enrique José Rovira. El Ministerio de Asuntos Exteriores y el Director de los Servicios de Organismos Internacionales, han manifestado un vivo interés por el Esperanto. Las Escuelas Normales organizan cursos del idioma para preparar debidamente a los maestros.

● ESTADOS UNIDOS. — En «Amerika Esperantisto», el señor F. W. Breth manifiesta que, en conversación con el señor Trygve Lie, en viaje de regreso de Oslo a New-York, el Secretario general de la O. N. U. se mostró favorable al Esperanto.

En la emisión de «National Broadcasting Company - NBC», y durante el programa del célebre humorista Groucho Marx «You bet your life», el presidente del Club Esperantista de Los Angeles, señor Joseph Scherer, dió cuenta de las ventajas del Esperanto en viajes como el suyo alrededor del mundo, durante los años 1930-1932. El día 22 de Octubre se radió y el día 23 se televisó dicho programa, por lo que fué escuchado y visto por millones de personas. «Rand School of Social Science» ha adoptado, dentro de su plan de instrucción para 1952-1953, un curso completo y gradual de Esperanto.

# LAŬTPAROLILO DE LA ESPERANTISTARO

## ĈU VERE, FOR LA INTERNA IDEO?

Jen mia publika letero al samide... —oh, pardonu! — samlingvano Vilhelmo Bosch. En la marta numero de BOLETIN vi skribis, en sufiĉe longa artikolo, jenon: «laŭ mia pli ol tridekjara sperto kaj ofta meditado, Esperanto estas afero stagnanta. Ĝi nek progresas nek malprogresas; vivaĉas. Kial? Ĉar ni, esperantistoj —nur la respondecaj, sed la esperantistoj ĝenerale— havas malĝustan vidmanieron pri Esperanto; la saman, kiun havis siatempe la kreinto de la lingvo mem». Permesu, kara samlingvano, ke esperantisto de baldaŭ kvindek jaroj opoziciu al via pensmaniero pri Esperanto kaj esperantismo kaj ties Ideo Interna. Miaj spertoj pri la Esperanto-movado tutplene konvinkigis min, ke ĝuste la Interna Ideo savis Esperanton de ĝia pereo. En la jaroj de la malbenita Ido-movado, ĝuste tiuj esperantistoj, kiuj malŝatis la Internan Ideon, transiris al Ido, aŭ tute forlasis la movadon por lingvo internacia. Ĉu vi scias, ke Zamenhof elspezis sian tutan havon por presigi la unuajn lernolibrojn kaj por propagandi sian lingvon, kaj li devis vivi tre mizere? Tion li faris ĝuste pro la interna ideo, kiu flamis en lia koro. Tiu ĉi flamo transiĝis de siaj unuaj adeptoj kaj flamas ankoraŭ en la animoj de multaj nuntempaj esperantistoj; kaj ĝi, laŭ mia konvinko, neniam estingiĝos. Estas ja bedaŭrinde, ke multaj esperantistoj apartenas al nia movado nur per la kapo. Ke tiaj esperantistoj ne multe helpas progresigi estas fakto plurfoje pruvita. Se Esperanto dum la lastaj jaroj (ŝajne) stagnadis, kulpas la tiutempa skismo kaj la du mondmilitoj. Se Esperanto ne rapide progresas, laŭ via deziro, la kaŭzo estas la nuna socie mizera stato en multaj landoj kaj, ĉefe, la inerteco de la homoj ĝenerale, inkluzive multaj esperantistoj.

Vi, kara samlingvano, tute senkaŭze timas «Basic English» aŭ «Occidental», kiu nomiĝas hodiaŭ «Interlingue», eĉ la anglan lingvon. «Basic English» faris ĉe ni, en Svislando, antaŭ kelkaj jaroj, sufiĉe grandan bruon; oni aranĝis propagandkunvenojn kaj kursojn; sed hodiaŭ, tiu kripligita angla lingvo jam estas tute forgesita. Io simila okazas al Occidental. Tiu ĉi lingvo jam aperis antaŭ pli ol tridek jaroj; ĝiaj adeptoj ĝis nun ne sukcesis aranĝi internacian kongreson, eĉ ne konferencon, por pruvi la paroleblecon de tiu ĉi lingvo. Ĝia tuta literaturo konsistas je kelkaj tute sensignifaj broŝuretoj, ĉefe polemikaj kontraŭ Esperanto. Siatempe, ili ricevis monon de la nacisocilalistoj, por propagandi Occidental, kun la celo ruinigi Esperanton kaj prosperigi «Weltdeutsch» (simpligita germana lingvo) inventita de profesoro Ostwald, iama idisto. Post malsukceso de Ido, multaj idistoj transiris al Occidental. Nun pri la angla lingvo! Ĉu vi efektive povas kredi, ke tiu ĉi lingvo estas danĝera por Esperanto? Ĝi vere estas iom pli facila ol aliaj lingvoj, sed ĝi ja estas grave difektita pro sia terura ortografio. Unu ekzemplo: oni skribas *nation* kaj oni prononcas *neŝen*. Plie, la angla lingvo havas 600 konjugaciojn, ĉu ne sufiĉe?

Bonvolu, do, kara samlingvano, bone kompreni tiujn vortojn; tion konsilas al vi maljuna kaj malnova samideano svisa.

**KARL JOST** - Stolzestrasse, 7 - ZÜRICH - 6 (Svislando)

## XIV CONGRESO ESPAÑOL DE ESPERANTO EN BILBAO

**7-8-9-10 DE AGOSTO DE 1953**

**Ya ha quedado constituído el Comité Organizador de la próxima Asamblea Nacional del esperantismo español en la bella capital de Vizcaya. Actúa de presidente el activo samideano D. Fernando Bayo, y de secretario D. José Luis Muñoyerro, figurando además entre los entusiastas organizadores el veterano paladín D. Teodoro Elizondo, cuyo fervor y experiencia mucho contribuirán al éxito del certamen. Se han dispuesto las fechas de manera que puedan tener fácil combinación para los que deseen tomar parte en la Peregrinación Internacional de Católicos Esperantistas que empezará el día 12 del mismo mes en Lourdes (Francia). Se está elaborando un variado programa que, junto con los tradicionales festejos de la Villa, en su delicioso clima estival, hará inolvidables los días de nuestra convivencia por tierras del Norte.**

Van a editarse los boletines de adhesión, subsistiendo, seguramente, la misma cuota de 30 pesetas para los congresistas efectivos y 20 pesetas para los familiares acompañantes. En Valencia se prepara una caravana de autobuses, para los asistentes de la capital y región, idea que puede ser secundada en Cataluña y en ciudades como Madrid y Zaragoza, contándose además con la acostumbrada rebaja en los ferrocarriles.

**¡Preparad las vacaciones para estas fechas! Pedid informes que se os facilitarán seguidamente al**

**Comité Organizador del XIV Congreso Español de Esperanto. Ronda, 32-BILBAO**

# HISPANA KRONIKO

**BADALONA.**—La nomo de ĉi tiu grava kataluna urbo aldoniĝas honorplene al la listo aperinta en la lasta numero. Nia kara amiko S-ro Filiberto García, poŝtestro en la nomita urbo, klarigas kurson al 20 lernantoj sub la patronado de la loka Delegacio de Filatelista Asocio, kiu tre simpatie atentas nian movadon. Esperebie, la urba gazeto «Revista de Badalona» reklamos pri ĉi tiu kurso; tiuokaze, la nombro da gekursanoj duobliĝos almenaŭ kaj rekompencos la klopodojn.

**CASTELLON DE LA PLANA.**—La dimanĉon 26. de Oktobro, sub la aŭspicio de la Federacio, la Valencia-Grupo aranĝis ekskurson al ĉi tiu bela ĉefurbo de la norda provinco en la Valencia regiono, por kuraĝigi la tieajn samideanojn. La vojaĝo okazis per granda aŭtobuso, kun ĉiuj sidlokoj plene okupitaj. Tra ĉiuj vilaĝoj sur la vojo, oni disĵetis centojn da flugfolioj. En la luksa salono de «Centro Catalán» okazis interesa propaganda festeto, kiun prezidis S-ro Manuel Cerdá, diligenta prezidanto de la gastiganta societo, kiu cetere ankaŭ prezentis tre elokvente niajn karajn amikojn Herrero kaj Vizcaino, kiuj oratoris laŭ sia kutima sprito kaj dialektiko. Dum la kunveno, granda busto de D-ro Zamenhof, kuŝis ĉe la prezidejo. Sciinde estas, ke, nur antaŭ ses jaroj, Castellón estis lulilo por la renaskiĝinta Esperanto-movado en Hispanio. Nuntempe, la kompetentaj kaj fervoraj amikoj Tena kaj Martínez estas garantio por sukceso kaj progreso. Alia aktiva pioniro, S-ro Ruiz Mazas, post dekjara laboro en tiu urbo, ĵus translokiĝis al Madrido, kie certe li agos ne malpli aktive. Oni pasigis tre plezure la tutan tagon, vizitante la vidindaĵojn; kaj, profitante la eliron de la sportejo, oni disdonis ankoraŭ, inter la eliranta homamaso, pli ol mil flugfoliojn. Jam vespere, okazis la reveno kun kontento kaj plaĉo pro la agrable travivitaj horoj kun tre bonaj samideanoj.

**CHESTE.**—La multenombra esperantistaro de ĉi tiu fame konata urbeto ĝojas nun, ke pro ĝentila decido de la urbestro, S-ro Aurelio Cortés, oni jam disponas je bela aŭlo, en oficiala ejo, por ĉiuj necesaj aranĝoj: kursoj, festoj aŭ ekspozicioj, kiuj certe tie brilos por pravigi la meritita famon, kiun Cheste posedas.

**AGUILAS.**—Nia brava aktivulo S-ro Pedro Maldonado forte deziras perdi la *privilegion* de izolita esperantisto. En ĉi tiu ĉarma urbeto, kun grava haveno, en la Murcia provinco, li gvidas kurson al ses akurataj lernantoj, kiuj rekte lin serĉis por lerni la lingvon, pro efiko de la propagando, kiun faris la publika elmontro de la afiŝo por la pasinta 13ª Kongreso. Estas intenco de nia kara amiko fondi grupeton, kun siaj diligente studemaj lernantoj, kiel novan branĉon de nia Federacio.

# INTERLINGVA PARALELO

## ORIGINALO

**Desaparece el hombre y el espiritu deja de proyectarse en el cuerpo; incluso desaparecen sus huellas en la disolución biológica; pero la memoria del difunto, su recuerdo, es ya un primer paso para la negación de la muerte afirmada: prolonga el sentido de cada existencia humana, que se va haciendo afanosamente, durante la vida, y, de un modo muy particular, después de la muerte.**

De un artículo del publicista Sabino Alonso-Pueyo

## TRADUKO

Malaperas la homo, kaj la spirito ne plu sin projekcias en la korpo; eĉ malaperas liaj postsignoj pro biologia dissolviĝo; sed la memoro pri la mortinto, lia rememoro, estas jam unua paŝo por neado al la asertata morto: tio daŭrigas la sencon de ĉiu homa ekzisto, kiun oni ade faras avide dum la vivo kaj, laŭ maniero tre speciala, post la morto.

El artikolo de la publicisto Sabino Alonso-Pueyo

**ANTAŬ LA PROKSIMECO DE LA 15ª DE DECEMBRO** konvenas jam prepari taŭgajn aranĝojn por celebri la feston de la Zamenhof-tago. Kiel kutime, en ĉiu hispana urbo, kie ekzistas esperantista rondo, oni devas rendevui por digne honori la nomon de la kreinto de Esperanto, en la 93ª datreveno de lia naskiĝo. Se eble, oni aranĝu en tiu vespero kolektivan manĝon, en restoracio aŭ en privata hejmo, por atesti en amika atmosfero la forton de nia unueco kaj la ĝojon de nia laboro. Bonvolu sendi koncizajn raportojn, sekve, tuj post la dirita dato, al la Sekretario de la nova Sekcio por informado:

**Sr-o Vicente Hernández Llusera.**—Av. Ejército Español, 59 — SABADELL (Barcelona)

**LA SUNKRONO** de Marie Koenen; tradukis el la nederlanda lingvo, P. Ch. M. van de Vijver. Eldonita de Esperanto-Instituto «Malnova Turo» Eindhoven (Nederlando) 20 x 15 cm. 104 paĝoj. Prezo: 1'25 ned. guld. aŭ 8 int. respondkuponoj.

Temas pri bela moralinstrua rakonto el la verko «Fabeloj kaj Legendoj» de Marie Koenen, famkonata nederlanda aŭtorino.

Per simpla kaj agrabla maniero, ĉarma legendo prenas formon en la imago de leganto, kiu nepre --kvazaŭ sorĉe-- neniel povas ja halti en la legado, streĉe sekvante la aventurojn de tiu junulo, kiu trovis la unuan pecon de la magia Sunkrono, rompiĝinta je kvar pecoj, pro disfalo, kiam Lucifero ĵetis ĝin en la mondon por tenti la homojn, ĉar «la Sunkrono havis dek tri pintojn, kaj ĉiu pinto estas stelo. Kaj tiu, kiu trovos la kvar pecojn kaj kunigos al la krono, kiun iam ili formis, povos sin kroni per la Sunkrono; kaj de post la momento, kiam li kronos sin mem, ĉiuj regnoj de la mondo, en sia gloro, apartenos al li; kaj Reĝo de la Mondo li restos, tiom longe, kiom li vivos». Kiel elektito de la diablo, la junulo sukcesas trovi la perpleksajn posedantojn de la ceteraj rompopecoj, kiujn ruze li akiras. Mankas nur la lasta pruvo; por forigi la fendon, kiu ankoraŭ malfermas la kronon, oni postulas al li puŝi sur homamason la krucon, kiu staras supre, sur la oraj tegmentoj de reĝa palaco. Sed tion li ne faras; li rezignas al ĉia reĝeco, ĉar... anstataŭ obei la sugeston de l'demono, «li etendis la brakojn, kvazaŭ por beni tiujn surgenuajn homamasojn tie malsupre. Kiel ĝoja infano, li ĝojkriis tra la krepusko: Patrino! patrino!» Kaj, libera jam de la terura inkubo, li revenas al sia vilaĝo por honeste plugi denove la kampojn.

Oni ne kredu erare, ke tia fabelo taŭgas nur por infanoj; ĝi estas tre utila leciono por ĉiuj, en la nuna tempo de senbridigita monavideco. Krom tio, laŭ beletra vidpunkto, oni ĝuas belegajn periodojn tra la cent paĝoj de ĉi tiu plaĉe eldonita libro, kun tre klara preso, kio faciligas la legadon kaj... helpas la laboron de la recenzisto, ĉiam preta lokalizi difektojn aŭ makuletojn.

Kvankam, ĝenerale, la lingvo en la traduko estas klara, S-ro Van de Vijver strange komplikis ĝin per ofta ripeto de pronomoj. Jen unu ekzemplo, inter multaj: *Kion do vi volas, vi?* Ankaŭ ŝokas la kelkfoja diro: *ĵeti la kapon en la nukon;* ĉu nederlandismo? Fine, estu dirite, ke oni plej ekstreme ŝparis la komojn —laŭ ebla influo de la skandinava skolo— eĉ en frazoj, kiuj pro tio restas konfuzaj. Tamen, apartaj teknikaj rimarkoj de kritiko ne tre multe valoras en verko, kiun ordinara leganto legas ĝue. Kaj ĉi tiu libro, tute certe, tiel oni legos.

LUIS HERNANDEZ

**LOS ESTADOS UNIDOS DEL MUNDO**, por Jean Larmeroux. Ediciones Fomento de Cultura, Doctor Vila Barberá, 16, Valencia. - 21 x 15'50 centimetros. 102 páginas. Precio: 20 pesetas.

Bajo el lema «Pueblos del Universo, o vivir unidos o morir», nos llega la traducción castellana de esta obra de una eminente personalidad francesa: Jean Larmeroux, presidente de la Academia Internacional de Ciencias Políticas.

Aunque no es norma nuestra reseñar libros que no estén escritos en Esperanto, hacemos gustosos una excepción por creer que este libro ha de ser de interés para los esperantistas, que en gran número simpatizan con todo lo que signifique unión y comprensión entre los hombres.

El complejo problema de la paz mundial está analizado por el autor del libro que nos ocupa de una manera concisa, pero razonada y contundente. De su interés nos dará idea su índice, que expone así las materias: «A todos los pueblos del mundo. Aproximación de los pueblos. Organización del mundo. Derechos respectivos de la Federación y de los Estados. Estructura de la Federación. Asunto de las Colonias. Asunto de las Deudas. Resultados positivos. Estados Unidos del Mundo».

También hace referencia el autor al problema de la diversidad de lenguas y habla favorablemente del Esperanto como la posible lengua oficial de la futura Federación Mundial de Estados.

En suma: un bello libro que recomendamos vivamente a nuestros lectores.

J. JUAN FORNÉ.

---

**ESPERANTO - MISSIONEN** - Evangelia serio de Sveda Societo por konigi la savon en Kristo. Kajeroj 1-4. Prezo: 1 respondkupono. Adreso: Klackavagen, NORA STAD (Svedio).

La svedaj kristanoj, de antaŭ jaroj, bone akceptas Esperanton; nuntempe, en la sveda sekcio de KELI aliĝas 450 membroj. Plezure, do, mi recenzas hodiaŭ tiun serion «Esperanto-Missionen», kiu konsistas el kajeroj por dissemi ĉie la kristanan kredon per nia lingvo Esperanto.

**EVANGELIA KANTARO** de Kristana Esperantista Eldonejo, Orebro (Svedio). Prezo: 2'50 svedaj kronoj plus afranko

Kompilita aro da diversnaciaj kristanaj kantoj, kiun sveda sekcio de «Kristana Esperantista Ligo Internacia» destinas por uzado en ties diservoj. La kolekto estas ankaŭ interesa, kiel ero por internacia kantaro. Ĝi enhavas tekston kaj melodion de 62 kantoj, kun kelkaj informoj pri iliaj verkintoj kaj komponistoj, kiuj tre zorge kaj pie laboris.

ERNESTO HURTADO.

*NOTA DE TESORERIA.—A fin de evitar dilaciones y entorpecimientos, se ruega a todos los asociados que los envíos de dinero se efectúen mediante giro postal (dejando de usar el giro telegráfico, cheque bancario, etc.), expediéndolo siempre a nombre del titular de Tesorería, actualmente: Ernesto Hurtado, calle de Pelayo, núm. 7, Valencia. También se recomienda que el destino del dinero remitido se aclare en el propio impreso del giro postal respectivo (mediante franqueo supletorio de 0'10 ptas.) mejor y más fácil que por carta separada.*

## LA KOREAJ ESPERANTISTOJ PETAS HELPON!

Profesoro de grava universitato, kie oni oficiale instruas Esperanton, informas nin pri absoluta manko de lernolibroj kaj materialo por legado. Ĉiu, kiu tion povas fari, estas petata sendi ĉiuspecajn esperantaĵojn al

Profesoro Hengwi Hongg
Chunggu Universitato TAEGU (Koreo)

## PARA NUESTRO BOLETIN

(Donativos correspondientes a NOVIEMBRE 1952)

| | | |
|---|---|---|
| Suma anterior | 5.739 | Ptas. |
| Excursión a Castellón | 35 | » |
| Manuel Derungs - El Ferrol | 8 | » |
| Luis Pérez Requena - Valencia | 50 | » |
| J. Juan Forné - Valencia | 5 | » |
| Víctor Ortiz - Zaragoza | 3 | » |
| José Garzón Ruiz - San Fernando. | 150 | » |
| A. A. - Pontevedra | 17 | » |
| Antonio Miquel - Barcelona | 15 | » |
| Pedro Alcedo - Bilbao | 10 | » |
| Darío Rodríguez - Madrid | 25 | » |
| Eduardo Alvarez - Guadalajara | 5 | » |
| Agustín Planas - Valencia | 10 | » |
| Juan Llácer - Valencia | 10 | » |
| Antonio Navarro - Barcelona | 50 | » |
| Y. Z. - Moyá | 93 | » |
| José Ibáñez Castro - Valencia | 100 | » |
| Domingo Torné - Sabadell | 5 | » |
| José Pinell - Sabadell | 10 | » |
| Jesús Puértolas - Zaragoza | 15 | » |
| Pepita Criach - Sabadell | 11 | » |
| Miguel Tarragó - Almatret | 5 | » |
| Manuel Real Crusat - Reus | 10 | » |
| José Ruiz - Cheste | 35 | » |
| Vicente Tarín - Cheste | 10 | » |
| José Grifé - Bruch | 20 | » |
| Vicente Tena - Castellón | 10 | » |
| Joaquín Batiste - Castellón | 10 | » |
| Antonio Martínez - Castellón | 10 | » |
| Joaquín Muñoz - Castellón | 5 | » |
| Ramón García - Castellón | 10 | » |
| Juan Feliu - Castellón | 10 | » |
| Albino Navarro - Castellón | 5 | » |
| José Selusi - Castellón | 5 | » |
| Manuel Mira - Castellón | 3 | » |
| Total | 6.514 | » |

*Listas como esta son alentadoras para mejor estimular nuestro trabajo. ¡Adelante!*

## LOTERIA NACIONAL

En poco más de tres semanas, gracias a la valiosa ayuda de todos nuestros amigos, han quedado distribuídas y agotadas las participaciones del número adquirido por la Federación. No pudiéndose cumplimentar ya nuevos pedidos, sirva de aviso la presente nota. EL DEPOSITARIO.

## ANONCETOJ

**Ni akceptas anoncetojn kiuj rilatos al nia afero. Unu peseto au unu r-k. validas por du vortoj. Tri malllongigaj literoj valoras kiel unu vorto. Aparta tarifo por specialaj anoncoj.**

S-ro M. Lloberas Ribal, strato Rutlla, 40 Tarrasa (Barcelono), dez. koresp. kun gesamideanoj pri ĝeneralaj temoj. Ankaŭ plaĉas al li komenti la artikolojn de nia Bulteno.

S-ro Colin M. Young, 27 Priory Close, Beckenham, Kent (Anglujo), dez. koresp. kaj interŝanĝi p. m. kun hispana knabo.

S-ro Brian T. Fitch, 6 Ashdale Road, Lee, S. E. 12, London (Anglujo), deziras korespondi kun hispanaj junuloj.

Sendu amase poŝtkartojn, prefere filatelie afrankitajn, kaj multe da materialo por varbi novajn lernantojn al:
Giena Esperanto-Grupo, 12, Rue d'Autry, GIEN (Loiret) Francio. Ni certe respondos!

Bonvolu sendi bildkartojn kaj poŝtmarkojn, kiel donacon kaj instigon por knaboj, al:
Junulara Laborejo «Pro Juventute»
Galery, 6-7 AMSTERDAM (Nederlando)

Internacia Esperanto - Muzeo en Wien kolektas Esperanto-flagetojn, kun brodita aŭ kudritaj landaj blazonoj kaj nomo. Kiu hispana Esperanto-Klubo sendos tion?
I. E-M. W.-Hofburg, Bathyanystige 3-a et. Michaelerplatz - WIEN 1 (Aŭstrio)

S-ro Antonio José Rodrígues (tajloro) Avda. 5 de Outubro, 30, Torres Vedras (Portugalio) - deziras korespondi kun hispanaj gesamideanoj

Grava societo serĉas komercajn agentojn en ĉiuj landoj por disvendado de produkto el vinbera suko. Demandu informojn al
SOCIETE VINIFRUIT
PUICHERIC ◆ (Aude) - Francio

## ATENTU!

Laŭ decido de la lasta Internacia Junular-Kongreso en Ry (Danlando) T. J. O. sanĝiĝis en TUTMONDA ESPERANTO - JUNULAR - ORGANIZO T. E. J. O.
Gejunuloj estos bonvole akceptataj de la Organizo: Lombokstraat, 2
LEEUWARDEN ◇ (Nederlando)

PERIS-G. V. MARQUÉS DEL TURIA, 28-VALENCIA